# Esperanto en Azio

## Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio

n-ro 13

1993-3
oktobro 1993

**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / rok 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

**e n h a v o**


- • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D <koncize>* ........ 2
- • *Saluto de la eldonanto* ........ 2
- 1 *Raporto de So pri la projektoj* ........ 3
- 2 *Raporto pri aziaj kunvenoj dum UK 93, Valencio* ........ 5
- 3 *Informoj de SO Gilsu* ........ 7
- 4 *Vizito al 10 ĉinaj urboj kaj tieaj Esperanto-movadoj* ........ 9
- 5 *Aliaj raportoj* ........ 15
- 6 *Alvokoj* ........ 17
- 7 *Informoj* ........ 18
- 8 *Deziras korespondi* ........ 19
- 9 *Opinio* ........ 19
- 10 *Historio* ........ 20
- 11 *Leteroj de legantoj* ........ 23
- 12 *Kontribuoj* ........ 26
- 13 *Adresoj de ĉinaj organizoj* ........ 27
- • *Parolas la redaktantoj* ........ 28

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*
- *A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*
- *A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*
- *Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*
- *Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*
- *D-1: eldono de necesaj libroj*
- *D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## • *Salutas la eldonanto*

***Karaj legantoj,***

Ni havis sukcesan Azian Tagon en Valencia UK (detalojn legu la raporton en tiu ĉi numero). Laŭ la rezulto de tiama diskuto mi jam lanĉis konkretan planon por realigi:

1. Ampleksigu delegitan reton de Azio.
2. Aperigu vian lokan grupon kaj mapon en la venonta jarlibro.
3. Provizora malneta itinero de Projekto Ĉ.

Detalojn vi vidos en tiu ĉi numero, kaj mi esperas viajn aktivajn proponojn.

Mi intencis skribi pri Seula UK "Kiel Azianoj povas facile partopreni" sed mi devas prokrasti tion en la venontaj numeroj. Mi tamen ĝojas informi kelkajn novaĵojn:

1. Ministro pri justicaj aferoj promesis, ke ĉiuj partoprenantoj ricevos vizon senprobleme. Partoprenontoj, kiuj bezonas invitilon, unue aliĝu (aliĝilon petu de UEA), kaj se vi solvas loĝejon, LKK (sama adreso kun Korea Esperanto-Asocio: CPO 4258, Seulo, Koreujo) eldonos invitilon. Ministerio diris, ke ni ne bezonas notarion, ĉar KEA estas jura persono, kio multe faciligas la eldonadon de invitilo.
2. Pri malmultekosta loĝejo LKK ankoraŭ klopodas trovi taŭgajn ĉirkaŭ la kongresejo.

En Kongreso de Japanaj Esperantistoj multaj japanaj samideanoj kontribuis por nia

movado en Azio, por kio mi kore dankas al ili, kaj al s-inoj Tahira, Doj kaj aliaj, ... volontule laboris por tio.

Mi vojaĝos en Kubo dum oktobro; mi tamen ektraktos viajn sendaĵojn tuj post la reveno en la fino de oktobro.

*kun salutoj*

*SO Gilsu*

# 1. Raporto de SO pri la projektoj

## 1.1 Projekto B:sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto

Esperanta Asocio de Cheng-de, Ĉinio, volas inviti eksterlandan instruiston, kaj nun s-ro Yu Dequan komisiite de prof. SO prilaboras tion por inviti kompetentan esperantiston de Vladivostoko, kie li mem instruis ĉinan lingvon kaj partoprenis E-kunsidon dum 1 jaro.

En Cheng-de nun okazas du kursoj en kiuj partoprenas respektive pli ol 100 anoj, kaj por ili nepre necesas eksterlanda instruisto.

S-ro Reza estas preta instrui Esperanton en Aziaj landoj, kaj SO proponis, ke li klopodu havi kursojn en la ĉefurboj de Indonezio kaj Filipinoj. Se iu leganto havus bonajn ideojn, konsilojn kaj helpojn, bonvolu turni vin al li aŭ SO.

*Reza Kher-khal( I.I.P.M.P.) C.P.O. Tokyo, Box No. 405, 100-91 Japanio*

## 1.2 Projekto C: aligi aziajn aktivuolojn al UEA

La projekto celas aligi aziajn aktivulojn en nepagipovaj landoj al UEA, por ke ili havu sufiĉan konon pri Esperanto-movado per la gazeto "esperanto" kaj la jarlibro de UEA kaj agu pli efike surbaze de la kono. Reale 50 en 1991, 62 en 1992 kaj 73 en 1993 aliĝis al UEA per la helpo de kontribuantoj ĉefe en Koreujo kaj Japanujo.

Nun ni akceptas kandidatojn por 1994. Se vi volas aliĝi al UEA, sendu al SO Gilsu jenajn skribojn kompletajn. La limdato estas la 20a de decembro. Do rapide preparu vin.

1. Konciza sinprezento
2. Kiel mi aktivis por nia movado en 1993?
3. Kiel mi bonigis la movadon en mia regiono?

Atenton! Nepre sendu kompletajn skribojn kaj sendu antaŭ la limdato. Ankaŭ tiuj, kiuj aliĝis ĉi-jare, devas sendi. Se ne, via membreco ne daŭros en 1994.

## 1.3 Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj

En la lasta jaro mi jam publikigis 5 kandidatojn, sed ilia vojaĝo ne realiĝis pro la manko de perfekta itinero kaj parte pro la personaj kialoj de kandidatoj. Mi jam menciis, ke simpla partopreno en UK ne valoras, kaj oni devas havi certan bonan itineron. Por la kandidatoj cetere viza problemo estis tre serioza, pro kio CO devas tro multe labori. Pro tio mi jam interkonsiliĝis kun la ĝenerala direktoro kaj aliaj landaj asocioj por provi modelan vojaĝplanon en la venonta jaro en la kadro de Projekto B la dua. La kandidato de tiu ĉi jaro aŭtomate reelektiĝas por la venonta jaro, se ili estas pretaj grupe vojaĝi laŭ la itinero.

***Provizora itinero***

- Julio 1-22: lingva trejnado en Ĉinujo (interkonsiliĝe kun ĈEL)
- Julio 23-30: partopreni en UK, Seulo. Ĉeesto en Cseh-seminario A
- Julio 30- aŭgusto 5: partopreno en ILEI-konferenco, Universitato Kangnam, 30 km sude de Seulo, partopreno en Cseh-seminario B aŭ metodika seminario.
- Aŭgusto 6-15: Prelegvojaĝo en urboj Teĝon, Kuang-ĝu, Tegu kaj Busan en Koreujo.
- Aŭgusto 16-31: Prelegvojaĝo en japanaj urboj (interkonsiliĝe kun JEI)

* La vojaĝplano estas ankoraŭ tute malneta, kaj mi atendas konsilojn, proponojn kaj invitojn de individuaj esperantistoj kaj lokaj E-organizoj.

## 1.4 Projekto D: helpi pri Esperanto-libroj

### 1.4.1 Esperanto-organizoj kaj bibliotekoj en aziaj landoj senpage ekposedu gravajn librojn de Esperanto:

FUNDAMENTA KRESTOMATIO
NOVA ESPERANTA KRESTOMATIO

Libroservo de UEA liveros la bazajn E-librojn je duona prezo por Projekto D de Azia Movado. Esperanto-organizoj kaj bibliotekoj, kiuj sendos jenajn raportojn, senpage ricevos ambaŭ librojn.

-1. Esperanto-asocioj, -kluboj, -instruistoj, lernejoj kaj universitatoj kaj aliaj instruantaj Esperanton, en la lando (aŭ provincoj en Ĉinio)

-2. Aktualaj situacioj de la organizoj, ekz. telefonnumeroj, estraranoj kaj ĝiaj aktivecoj.

-3. Mapo, sur kiu oni markas per steleto la urbojn, kie troviĝas E-organizoj, kaj per trianguleto la urbojn, kie troviĝas nur esperantistoj sen organizoj (tamen skribu en

la listo de organizo la adresojn kontakteblajn kaj telefonnumerojn).

*1.4.2 Pri azia numero de "esperanto"*

DOJ Ĉieko (adreso estas sur la koverto) estas komisiita de SO pri la laboro, sed ŝi ankoraŭ ne eklaboras. Mankas materialoj. Respondeculoj de Esperanto-organizoj en la landoj sendu al ŝi jenan skribaĵon, en kiu estu historio de E-movado en la lando, adresoj kaj telefonnumeroj de lokaj kluboj, analizo de la nuna stato, perspektivo de la movado. Sendu ankaŭ fotojn. Eĉ se vi jam sendis raporton, vi ankoraŭ ne sendas fotojn aŭ mankas iuj priskriboj. Sendu ilin kiel eble plej frue.

# *2. Raporto pri aziaj kunvenoj dum UK 93, Valencio*

(1993.07.27)

*1- "Aktivuloj el Azio" (matena kunveno)*

Partoprenis 18 azianoj. Gvidis SO Gilsu, kiu komence donis enkondukon kun emfazo pri la venonta UK en Koreio: Ĝi ne estas korea, sed azia afero kaj ni utiligu ĝin por la azia movado. Rilate al preparaj aferoj, li diris, ke estas varbitaj iuj volontuloj por tio kaj ankaŭ estas planoj inviti eŭropajn spertulojn. Choe Tae-Sok (sek. de KEA) i.a. informis pri la venonta vintra kunloĝado, kiu celas pli spertigon de koreoj.

So havas planon okaze de UK en Koreio inviti esperantistojn el Vjetnamio, kiuj survoje al Koreio vizitu Ĉinion, kie ili iom spertiĝu rilate la movadajn kaj lingvajn aferojn. UK mem estas nur unu semajno kaj li planas, ke ekzemple ilia vojaĝo fariĝu 3-monata por pli da rezulto. Ni ankaŭ helpe de ILEI okazigu Cseh-kurson por ili. Ĝenerala ideo estas, ke al korea UK laŭeble venu multaj azianoj, kiuj ordinare ne havas okazon iri al UK-j. Li antaŭvidas, ke el Ĉinio 100 ~ 200 partoprenos en UK en Koreio.

Ĉefaj problemoj estas financaj kaj vizaj, ĉefe se ni ankaŭ konsideros ilian vojaĝon al Japanio. Tiu-rilate ĉinaj kaj japanaj respondecaj partoprenantoj promesis kunlaboron kaj YAMASAKI Seiko (ĉefdirektoro de JEI) tion certigis.

So donis iom detalan raporton pri nuna stato de la movado en aziaj landoj. En Vjetnamio estas bonaj soluloj aktivaj, al kiuj tamen mankas kontaktoj kun eksterlando. Ĉinio alfrontas financajn problemojn, post redukto de ŝtata subvencio. En Kamboĝo vigliĝas la movado pro aktivo de germana esperantisto kaj se iu volontule povus iri tien, estas bonaj kondiĉoj (ekz. pri loĝado) kaj kampoj por aktivado. El Bharato (Hinda Unio) venas bonaj novaĵoj kaj ili post multaj jaroj denove okazigis tutulandan kongreson. Estas informoj, ke 4 personoj nun lernas Esperanton en Laoso. En Srilanko aperis E-vortaro. En Malajzio Chan Sook-wai daŭrigas instruon al komencantoj. Tie la ĉefa problemo estas neagnosko de Esperanto flanke de la registaro. El Irano venis listo longa de Esperanto-

eldonaĵoj, kaj gvidanto de la Esperanto-movado paŝas al ĝia oficialigo. Novaj respublikoj en eks-Sovetio komencas vigliĝi kaj venas bonaj novaĵoj.

Oni diskutis problemojn de la movado en aziaj landoj. Proponoj estis jenaj: sendi bonajn instruistojn por helpi lokajn movadojn, ampleksigi delegitan reton (en Ĉinio malgraŭ grandeco de la loĝantaro kaj sekve de esperantistaro, ankoraŭ mankas sufiĉa delegitaro por ĉiuj regionoj). En la jarlibro estas malmulte da delegitoj el aziaj landoj. Ni okupu pli da paĝoj en ĝi kaj ni uzu monon de azia fondaĵo por tiu celo. Nuntempe "Esperanto en Azio" estas nia ĉefa fonto por kontakto kun aziaj aktivuloj. Cetere, mankas laste mapoj landaj en la jarlibro kaj nur landoj, kiuj pagas, povas aperigi sian mapon kiel anoncon. Plejparto de la partoprenantoj konsentis, ke oni pagu por tio kaj ke aperu mapo de aziaj landoj, ĉar ekster Azio kaj foje eĉ en Azio, oni ne bone konas situon de la aziaj landoj.

So dankas japanajn esperantistojn pro ilia subteno de aziaj projektoj (ĉefe rilate al membrigo de nepagipovaj esperantistoj el Azio).

Du ĉinoj raportis pri la nuna stato de la ĉina movado. Unu el la plej gravaj problemoj estas malkresko de la abonantaro de EPĈ al duono, ĉefe pro financaj problemoj en orient-eŭropaj landoj, kie multaj abonis ĝin kaj ankaŭ malkresko de ŝtata subvencio al duono, tiel ke nuntempe ĈEL kaj EPĈ mem devas zorgi salajrojn de la laborantoj.

Komuna Seminario (KS) inter japana kaj korea junularoj, nun povas konsideri 3 opan partoprenon, post apero de Ĉina Junulara Asocio. Tio povas esti komenco de azia kongreso.

*2- "Publika kunveno" (posttagmeza kunveno)*

En la posttagmeza kunveno partoprenis ankaŭ neazianoj entute 50. Komence So koncize raportis pri nuna aktivado en aziaj landoj. Poste 3 singapuranoj (prezidanto de SEA, Yong Tet-kong, vicprezidantino, Wong Oikwan kaj ĝ. sekretariino, Ong Beechong), kiuj matene ne povis partopreni, salutis kaj raportis pri Esperanto-movado en la propra lando: Esperanto-asocio estis fondita antaŭ 3 jaroj kaj havas 22 membrojn; ĉiusabate estas kunveno; aperas organa revuo "Esperanto en singapuro"...

Poste Ĵila Saheb-zamani (ĉefdelegito de Irano) raportis pri aktualaĵoj de la movado en Irano: okazas diversaj kunvenoj en hejmoj de esperantistoj; en kelkaj lernejoj estas kurso de Esperanto; en 3 universitatoj gravaj d-ro Saheb-zamani (gvidanto de la movado kaj honora membro de UEA) instruas Esperanton al profesoroj; ofte estas novaĵoj pri Esperanto en ĵurnaloj. Estas espero, ke post jaroj Esperanto povas fariĝi oficiala, kio donos eblecojn disvastigi ĝin kaj aktive kontakti najbarajn landojn.

Poste So parolis pri la afero de divido de aziaj landoj al geografiaj regionoj, por pli facila trakto de la movadaj aferoj en tiu giganta kontinento. Ekzemple ni havu jenajn regionojn: orienta Azio, suda Azio, sud-orienta, meza ktp kaj ekzemple apartigi

Aŭstralion al suda Azio. (vd. la n-ron 11 de "EeA")

Flanke de Irano estas propono, ke UEA (kiel organizo kunlaboranta kun UNESKO) helpu, kiam estas problemoj de oficialigo aŭ instruo de Esperanto en iu lando, ekzemple per sendo de informoj kaj leteroj al ŝtataj instancoj. Lins (vicprezidanto de UEA) esence konsentis tiun proponon. Alia propono estis okazigo de azia kongreso, kaj Saheb-zamani poste pri tio faros artikolon por aperigo en "EeA".

Estis ankaŭ raporto de pakistanano (Parvaz) pri historio kaj nuna stato; raporto de tajvanano, Wang Chong-y (Tintilo), ( nun loĝanta en Pollando), ke nuntempe Esperanto-Asocio havas 20 membrojn kaj regulajn kunvenojn; ankaŭ estis raporto pri nuna aktivado de Malajzio el la letero de Chan Sook-wai.

Ĉe la fino So demandis partoprenantojn pri "E e A". S-ro Grzebowski, prezidanto de Monda Turismo laŭdis pri la bona redaktado de nia bulteno, ĉefe pri la aperigo de multaj adresoj kaj telefonnumeroj de koncernaj artikoloj, pro kio, li povis efike kontakti Aziajn esperantistojn kaj organizojn por efektiva kunlaboro.

***Rimarko***

Unu el la kialoj de partopreno de malmultaj esperantistoj en ambaŭ kunvenoj (kompare kun lastaj UK-j) estis maloportuneco de la loko de la kunvenoj iom for de la ĉefa kongresejo. Varmeco de la vetero kaj temporabeco de iro de la kongresejo al la kunvenejo eble estis kialoj por iuj rezigni partoprenon!

*Raportis: Reza (Irano)*

## 3. Informoj de SO Gilsu

### 3.1 AMPLEKSIGU DELEGITAN RETON DE AZIO

Jen la kampanjo por varbi aziajn delegitojn. Vidu la jarlibron, kaj vi vidos, ke en Finnlando, kiu havas malpli ol 5 milionojn de enloĝantoj, havas 57 delegitojn, dum Ĉinujo, kiu havas sufiĉe fortan movadon kaj kvaronon de la tuta homaro, havas nur 22, kaj ke, Lome, urbo de Togolando kun 50 000 enloĝantoj, havas 10 delegitojn, dum Shenyang, giganta Ĉina urbo kun pli ol 100-obla enloĝanto ol Lome, havas neniun delegiton. La delegiteco ne estas honoro, sed praktika servo por nia movado. Azianoj estas certe tre servemaj, sed multaj ne sciis kiel kandidatiĝi por delegito, kaj jen mi prezentas tre facilan vojon por esti delegito. Mi jam interkonsiliĝis kun la ĝenerala direktoro de C.O., kiu havas respondecon pri la delegita nomumado, pri tiu ĉi kampanjo dum la UK en Valencio, kaj li estas preta akcepti ĉiujn, kiujn mi rekomendas.

1. Kiaj delegitoj?

1) Delegito, kiu reprezentas UEA-n en iu urbo aŭ vilaĝo

2) Vicdelegito, kiu helpas al la delegito en granda urbo

3) Junulara delegito, kiu reprezentas TEJO en urbo aŭ vilaĝo

4) Faka delegito, kiu reprezentas UEA en iu fako

2. Kiuj estas kompetentaj?

1) Estu minimume 18-jara (junulara 16-jara)

2) Bone konu Esperantan lingvon kaj movadon

3) Daŭre loĝu en la sama regiono

4) Abonu kaj regule legu la oficialan revuon

5) Havu bonajn rilatojn kun lokaj Esperanto-societoj

6) Zorgeme plenumu sian oficon dum minimume 3 jaroj

7) Estu individua membro de UEA minimume ekde la jaro antaŭ sia eniro en la Delegitan Reton

3. Kiel kandidatiĝi?

1) Skribu al SO Gilsu (adreso sur la kovrilo) antaŭ la fino de oktobro kun respondilo. Tiu ĉi kampanjo daŭros ĝis la venonta jaro, sed kandidatoj, kies leteroj ne atingos antaŭ la fino de oktobro, aŭtomate fariĝos kandidato por la venonta jaro. Kandidatoj, kiuj aliĝis al UEA en ĉi-jaro, rajtas kandidatiĝi en la vononta jaro.

2) En la lando de aliĝintaj landaj asocioj, sendu la saman respondilon ankaŭ al la landa asocio. En la lando, kiu havas nur ĉefdelegiton aŭ peranton, turnu vin al ili. Se ili ne akceptas vin, vi rajtas tuj apelacii al SO Gilsu.

"Delegita regularo 10: En landoj, kies asocioj aliĝis, la Landa Asocio nomas aŭ nomigas la Delegitojn, interkonsente kun la Ĉefdelgito. En okazo de malkonsento decidas la Estraro de UEA.

En aliaj landoj la delegitoj estas nomataj de la ĉefdelegito, de la peranto aŭ de la direktoro de la CO (ĉi-foje SO nomas anstataŭ la direktoro), se loĝas en la loko malpli ol 10 individuaj membroj. En regiono, kie ekzistas minimume de individuaj membroj, ili rajtas okazigi kunvenon kaj mem elekti sian delegiton."

## 3.2 APERIGU VIAN LOKAN GRUPON KAJ MAPON EN LA VENONTA JARLIBRO

Plejparte de Aziaj esperantistoj krom kelkaj landoj ne povas facile vojaĝi eksterladen, kaj ili ne havas ŝancon praktiki nian lingvon. En tiu kazo plej bone estas akcepti eksterlandajn samideanojn. Por tio krom delegita reto ankaŭ necesas aperigi informojn pri aktualaj adresoj kaj kunvenoj.


Universala Esperanto-Asocio

RESPONDILO de DELEGITO Lando: ____________

Bonvolu sendi: la plenigitan respondilon al via Ĉefdelegito, Landa Asocio aŭ Peranto, aŭ se tia instanco ne ekzistas en via lando, al la Centra Oficejo de Universala esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176,3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

*Bv. atenti: Kandidato por delegitiĝo devas esti Individua Membro de UEA minimume ekde la jaro antaŭ sia eniro en la Delgitan Reton.*

ĈIO PER LATINAJ LITEROJ — UZU PRESLITEROJN

Loko (nacilingve) ____________ Nombro da loĝantoj ____________

Landparto aŭ provinco (nacilingve) ____________

Familia (ĉefa) nomo (nacilingve) ____________

Propra nomo (nacilingve) ____________ uea-kodo ____ ____ – ____

Adreso: Strato (nacilingve) ____________

____________

Poŝta kodo ____________

Urbo (nacilingve) ____________

Naskiĝdato ____________ Profesio ____________

Telefonnumero (hejma) ______ ____________ (ofica) ____________

Teleksnumero ____________ Telefaksnumero ____________

La subskribinto promesas zorge plenumi la oficon kaj certigas, ke estas plenumitaj ĉiuj kondiĉoj de delegitiĝo listigitaj dorsflanke.

Dato ____________ Subskribo ____________

POR LA CENTRA OFICEJO

Individua Membro? ☐ Enskribita ____________ | Ne plu ekde ____________

Konsilaro sendita? ☐ | pro ____________

1. Krom Japanujo, Koreujo kaj Israelo, UEA pagos el Azia Fondaĵo la koston de aperigo de viaj mapoj, kondiĉe, ke vi sendu al CO la mapon de via lando kun indiko, "kie estas delegitoj."
2. En samaj landoj Esperanto-grupoj rajtas aperigi sin senpage. Unu linio kostas dekonon de MA kotizo, kiun Azia Fondajo pagos, kaj laŭeble skribu koncize. Ekzemple:

   *LG: Tokia Esperanto-Klubo, kunvenloko kaj adreso: Takadanobaba 3-1-5-310, Sinzyuku-ku, 160; tel. (03)3368-5468. Kunvenoj ĉiumerkrede 19:00 ~ 21:00, escepte de aŭgusto, vizitantoj bonvenaj*

## 4. Vizito al 10 ĉinaj urboj kaj tieaj E-movadoj *(SO Gilsu)*

### 4.1 Ŝanghajo (marto)

S-ro Wei Yuanshu, profesoro de Ŝanghaja Fremdlingva Universitato, aranĝis mian hotelon, kaj ĉar la hotelo mem estis entreprenita de la universitato, mi havis ŝancon interparoli kun studentoj, kiuj lernas Esperanton. Ili, studentoj de anglalingva fako, jam

lernis 6 monatojn, kaj ni povis sufiĉe bone komunikiĝi nur per Esperanto. Kun 9 studentoj kaj ilia gvidanto s-ro ZHOU Tianhao mi havis tre agrablan konversacion. Vespere min vizitis kelkaj amikoj: Lu Wenfang, Ji Chungang kaj Miao Zhongshin, sed bedaŭrinde mi ne povis havi kunsidon kun aliaj esperantistoj pro mia tro subita vizito.

Mi renkontis la ĝeneralan sekretarion de Ŝanghaja Esperanto-Asocio en profunda nokto, ĉar li tiam gvidis la karavanon de japanaj esperantistoj. Jen estas la novaĵo pri nia movado en la urbo, kiun la ĝ. sekretario raportas.

1. Ŝanghaja Esperanto-Asocio havas 100 membrojn.
2. En la regula kunsido okazanta en ĉiu ĵaŭdo ĉeestas pli malpli 10 anoj, kaj konsilantaro kunsidas ĉiu-sezone.
3. Fama Esperanto-kurso en Orienta Instruista Universitato ĉesis.
4. ŜEA mem ne havas kurson pro manko de mono.

* *Ŝanghaja Esperanto-Asocio (ĝ. sekretario Wang Minhao) / CN-200020 Shanghai, Huaihai Zhonglu 622-7. tel.: 327 1170 X2246, telefakso: (021) 327 2894. hejmo de s-ro Wang: 311 2505*

* *Ŝanghaja Fremdlingva Universitato (prof. Wei Yuanshu) / CN-200083, Shanghai, Dalian xilu 500, Shanghai International Studies University. tele-fono kaj -fakso (aŭdvida eldonejo de la univ. ): 542 7900. hejmo de prof. Wei: 544 2594*

**4.2 Hangzhou (marto, 25-26)**

Min akceptis vicprezidanto QIU Xirong kaj ĝenerala sekretario Li Zhong-min de Hangzhou Esperanto-Asocio ĉe la stacidomo. Ili aranĝis malmultekostan hotelon, kaj gvidis min al bela lago kaj templo. Mi ĝuis interparoladon kun esperantistoj, Kao, Luo kaj Shu, unua radioamatoro en Ĉinujo, kaj trinkis la plej altklasan teon en Ĉinujo, Rong-jing.

Hangzhou estas unu el la plej belaj turismaj lokoj en Ĉinujo, kaj feliĉe ni havas Esperanto-movadon en la urbo. Esperanto-Asocio havas 100 membrojn, kaj en monata kunsido ĉeestas ĉirkaŭ 20~30 membroj. La asocio ne havas kurson, sed okazas Esperanto-kursoj en Wulinlu elementa lernejo (30 infanoj) kaj Infana Placo de Jiang-gan regiono ( 30 infanoj). La informilo de la asocio "Hela Floreto" eldoniĝis 6-foje en la lasta jaro kaj daŭre en ĉi-jaro.

* *Hangzhou Esperanto-Asocio (ĉe ĝ. sekretario Li Zhong-min) / CN-310006, Hangzhou, Renhe-lu 31. tel.: 76 5951*

**4.3 Manchang (aprilo, 3-4)**

Post unuopa aventuro tra montoj kaj urbo, mi alvenis al Nanchang en la profunda nokto je la unua kaj duono. Mia vojaĝo en Nanchang komenciĝis tiel kun la granda embaraso pro "grandaj hoteloj jam fermitaj, malgrandaj ne akceptas eksterlandanojn", sed la problemo solviĝis apenaŭ helpe de esperantistoj, pro kio mi devis veki dormantan s-

inon Gu. Sekvantan tagon esperantistoj tre bone aranĝis kunsidon. En la kunsido ĉeestis ne nur esperantistoj, sed ankaŭ filatelistoj kaj ĵurnalistoj. Miaj respondoj al ĵurnalistoj pri ĉina kaj korea ekonomioj ŝajne kontentigis ilin, kion pruvas la artikoloj de la ĵurnaloj. Ĝis la lasta momento mi havis du gravajn problemojn nepre solvendajn: aĉeti bileton por litvagono, kontakti esperantiston en la sekvanta urbo Changsha. Dank' al granda penado de s-ino Gu Jianhua ĵus antaŭ la foriro ni sukcesis telefone kontakti esperantiston en la urbo Changsha, ni tamen ĝis la lasta momento malsukcesis aĉeti bileton. Finfine mi envagoniĝis sen bileto, kaj en la vagonaro la problemo solviĝis, dank' al la klopodego de trupo de bravaj sinjorinoj en Nanchang. Mi gastis la duan nokton ĉe s-ino Gu Jianhua.

Nanchang estas la sidejo de Jiang-xi Esperanto-Asocio kaj Nanchang Junulara Esperanto-Asocio (prezidanto: s-ro CAO Xiong-lin). JEA havas ĉirkaŭ 100 membrojn, el kiuj triono pagis ĉi-jaran kotizon jare 3 juanojn, NJEA havas 60 membrojn, el kiuj triono pagis ĉi-jaran kotizon (6 juanoj). Kurso de Esperanto ĉi-jare ne okazis krom infana kurso en laborista palaco. Eldoniĝas informilo 6 fojojn en unu jaro. Mi impresiĝis, ke esperantistoj en Nanchang havas bonan kapablon je konversacio de Esperanto.

* *Jiang-xi Esperanto-Asocio / p/a s-ino Gu Jianhua: CN-210008 Jiang-xi, Nanchang, Yang-ming-lu 20, Jiangxi Zhongyi Xueyuan. tel.: (0791) 213447*

* *Nanchang Junulara Esperanto-Asocio / p/a s-ro CAO Xiong-lin: CN-330008, Nanchang, Ruzilu 25 hao. tel.: (0791)223457*

### *4.4 Changsha (aprilo, 4-6)*

Frumatene min bonvenigis s-roj Wu Chang-shen, Fu Guiqin, kaj Shu. Ni devis elspezi tutan antaŭtagmezon por diskuti, kiel ni povus aĉeti mian bileton al la urbo Wuhan. Aĉeti bileton estas tiel malfacila afero en Ĉinujo. Posttagmeze samideanoj gvidis min al fama tombejo Mawangtui de la epoko Han, kaj mi gastis ĉe s-ino Zhang Zheng-feng.

Esperanto-movado en la urbo nun estas ne vigla. Esperantistoj diras: 1. Esperanto-kurso kaj regula kunsido ne okazas "pro manko de mono". 2. Informilo eldoniĝis antaŭe, sed nun ne. Sed lastatempe s-ro Jiang Zuyue revenis de Guangzhou, kaj klopodas restarigi nian movadon. Tieaj esperantistoj estis tre fervoraj, sed kiel en aliaj urboj, ili ne havis bonan gvidanton kaj ŝancon praktiki konversacion. Kiam mi forlasis la urbon, kelkaj jam ekparolis en Esperanto.

* *Changsha Esperanto-Asocio / p/a s-ro Jiang Zuyue: CN-410011, Hunan, Changsha, Wenyilu 101, Changsha Youseyejin Shejiyuan*

### *4.5 Wuhan (aprilo, 6-7)*

Post la reveno de Suda Monto, fama budhisma kaj daoisma monto, mi tuj ekveturis al Wuhan. Mi havis sufiĉe streĉan vojaĝon por gardi mian pakaĵon en trajno dum la veturado

de Changsha al Wuhan. Kiam mi vizitis necesejon lasinte mian pakaĵon en mia sidloko, trajnestrino, kiu estis petita de esperantistoj en Changsha pri la gardo, atentigis, kaj eĉ insultis mian sengardemon. Kiam mi alvenis al Wuhan, s-roj Chang Danchen prezidanto, Peng Zheng-ming ĝenerala sekretario de Hubei Esperanto-Asocio, kaj Dai Sheng-chiao prezidanto de Wuhan Esperanto-Asocio bonvenigis min ĉe la stacidomo. S-ro Chang Danchen, mia malnova amiko estis preta gastigi min ĉe sia domo, mi tamen gastis ĉe la hotelo, kie laboras s-ro Dai, ĉar mi devas ripozi komforte por revigligi preskaŭ elĉerpitan korpon.

Wuhan, la centra urbo de Ĉinujo havas tre riĉajn vidindajn kaj historiajn lokojn, cetere, la urbo estas tre grava loko en la historio de Esperanto-movado. Hubei Esperanto-Asocio havis 140 membrojn en 1991, sed en 1993 pagitaj membroj estas nur kvinono de la membraro. En la lasta jaro la asocio havis 4-foje kunsidojn sed ĉi-jare ne, kaj kurson ili ne okazigis. La asocio tamen eldonas pli bonan informilon ol lastjare. Wuhan Esperanto-Asocio konsistas el junaj esperantistoj. Ili okazigas kurson jare unu fojon, kaj ĉiudimanĉe pli malpli 20 junaj esperantistoj lernas tradukadon en iu lernejo. Vespere mi havis kunsidon kun lokaj esperantistoj, kaj miris, ke tiom da bonaj esperantistoj dormas ekster nia movado. Dum la kunsido multaj promesis, ke ili nun vekiĝis el la dormado.

* *Hubei Esperanto-Asocio / p/a s-ro Peng Zheng-ming: CN-430070, Wuhan, Wuchang, Fujiapo Meiyuanxiaoqu 301 dong. tel.: (027) 712667*

* *Wuhan Esperanto-Asocio / p/a f-ino Li Ling: CN-430014 Wuhan, Yan Jiang Da Dao 89, Hui Jiang Co. tele-fono kaj -fakso: (027) 237426*

#### 4.6 Tianjin ( aprilo 9-10, junio 21-22)

Mi jam raportis pri nia movado en Tianjin kelkfoje, kaj mi ne ripetas, kio signifas, ke la movado ne multe progresis, nek malprogresis, ĉar la urbo estas la pordo por vojaĝo al Ĉinujo, mi ĉiam ŝuldas multajn dankojn precipe al s-roj Hao kaj Song, kaj du s-inoj Wang.

#### 4.7 Pekino (aprilo, 10-12)

ĈEL (s-roj Zou Guoxing, Zhu Ming-yi, Zhang Haiping plentempe laboras) klopodas adapti laborlinion al novaj sociaj cirkonstancoj. ĈEL havas ĉ. 800 membrojn, el kiuj 300 jam pagis ĉi-jaran kotizon (5 juanoj = ĉ. 0.5 usonaj dolaroj), kaj pli ol 20 provincaj kaj urbaj Esperanto-Asocioj aliĝis al ĈEL. La redaktejo de La Mondo, la organo de ĈEL, revenis al ĈEL de Ĉingdao, en kiu eldoniĝis 24 numeroj. Mi interkonsiliĝis kun ĝenerala sekretario kaj ĉefdelegito s-ro Dai Songen pri la pli ampleksigo de delegita reto de UEA, kaj aliaj aferoj.

EPĈ (s-ino Tan Xiuzhu kaj s-ro Dai Songen) daŭrigas eldoni la plej elstaran Esperanto-revuon, kaj ili tre bone kunlaboras kun ĈEL. ĈEL kaj EPĈ renovigis siajn

oficejojn, kaj ili laboras en pli belaj oficejoj.

Radio Pekino lastatempe havis novan nomon, Esperanto-sekcio de Ĉina Radio Internacia. La plej granda trupo de 11 profesiaj esperantistoj laboras tie. Mi estis invitita al la elsendejo por paroli pri azia movado, kie mi renkotis amikojn, s-ro Liu Junfang, s-inoj Li Yuping, Xue Miexian kaj aliaj.

Pekina Esperanto-Asocio havas 400 membrojn, sed en la kunsidoj ĉeestas nur kelkdekoj, kaj en la kongreso okazanta jare unu fojon 100 -200 anoj. Ili regule kunsidas monate unu fojon, kaj lastatempe ili elektis junajn estraranojn por vigligi la asocion. Sub la aŭspicio de la asocio kursoj okazas en Pekina Normala Universitato (ĉiumarde 40 studentoj) kaj Pekina Lingva Universitato (6 instruistoj). Membroj de la asocio akcentas: "Oni miskomprenas, ke PEA akceptas multajn alilandajn esperantistojn kompare kun aliaj urboj pro tio ke ni loĝas en Pekino, sed eksterlandaj samideanoj vizitis nur konatajn organizojn: ĈEL, EPĈ ktp. Vizitu nian asocion por renkonti pekinajn esperantistojn".

* *Ĉina Esperanto-Ligo / CN-100037, Beijing, Fuchengmenwai Baiwanzhuang-lu 24. tel.: (01) 832 6682*

* *El Popola Ĉinio / Beijing, P.O. Kesto 77*

* *Ĉina Radio Internacia / CN-100866, Beijing, Fuxingmenwai St. 2. tel.: (01) 609 2381*

* *Pekina Esperanto-Asocio / CN-100044, Beijing, P.O.Kesto 2822*

### 4.8 Cheng-de (aprilo, 12-14)

Antaŭ ol viziti la urbon, mi ne sciis kie situas la urbo. Kiam mi vizitis Ĉinan Radion Internacian, s-ro Liu rekomendis min viziti la urbon dirante, ke en la urbo lastatempe floregas nia movado. Mi, s-ino Li Yuping kaj s-ro Wei Shan ekiris Pekinon je la 7a kaj 15 minutoj, kaj kiam ni alvenis je la 12a al la stacidomo, varme akceptis nin estraranoj de Cheng-de Esperanto-Asocio: s-ro Ren Zhihua, s-ino Liu yan, f-ino Wang Lei kaj aliaj esperantistoj.

Cheng-de estis la urbo, kie imperiestro de Ĉing dinastio somerumis. Mi tamen estis okupita plejparte de poresperantaj prelegoj, vizitoj kaj kunsidoj, kiuj vere ĝojigis min. Mia prelego en Esperanto pri "La faktoroj de ekonomia progreso en Koreujo", okazinta en Cheng-de Universitato, kiu multe subtenas nian movadon, estis tre sukcesa dank' al la perfekta interpreto de s-ino Li Yuping. Mian prelegon aŭskultis 190 studentoj, kiuj lernas elementan kurson de Esperanto semajne 2 fojojn (2x2=4 horoj). En la universitato unua fremda lingvo estas la angla kaj la dua estas nur Esperanto, pro kio Esperanto estas deviga studobjekto. Posttagmeze mi vizitis la oficejon de ĈEA, kiu sidas en Nafta Kolegio de Cheng-de, kaj vespere mi prelegis kaj instruis en Esperanto-kurso de la kolegio, en kiu partoprenis pli ol 100 lernantoj (el ili 70 estas la studentoj de la kolegio, kiuj lernas oficiale 4 horojn semajne). La kursojn de la urbo gvidas s-ro Shang Jun-yi, kiu instruas la

anglan lingvon en la kolegio, kaj kiu estas ĝenerala sekretario de ĈEA. En la lasta tago oni aranĝis kunsidon kun komercistoj, ekonomikistoj kaj entreprenistoj en urbdomo, kaj ni havis tre interesan diskuton pri ekonomio, kompreneble en Esperanto, per kio ni povis doni al ili, kiel efikas internacia lingvo.

Historio de nia movado en la urbo estas tre mallonga. En 1987 prof. Yu Guangda en Cheng-de Medicina Universitato havis unuan Esperanto-kurson, kaj en 1991 fondiĝis ĈEA. Ĝis nun 1200 anoj lernis nian lingvon. En tiu ĉi jaro la asocio havas 46 pagitajn membrojn (kotizo: 12 juanoj = ĉ. 1.2 usonaj dolaroj). Ili publikigis unuan numeron de informilo en la lasta jaro.

La brila progreso de la movado eblis pro la energia klopodo de esperantistoj (ĉefe s-ro Shang) kaj senavara subteno de 2 altlernejoj kaj ankaŭ urba registaro mem (mi miris, kiam urbestro diris, ke li mem aliĝis al ĉi-jara UK en Valencio). S-ro Shang diris, ke en la lasta somero ili sukcesis 4 komercajn kontraktojn en Eŭropo pere de Esperanto. Per tio mi povis ekscii, kial nia movado estas tiel furora en la urbo, kaj la slogano "Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ afero" pendigita en ĉiuj kunsidoj kaj prelegoj tre bone klarigis tion. La vorto "afero" estis la traduko de ĉina "shiye", kiu signifas komercon kaj entreprenon. Kiam mi prelegis al esperantistoj, mi povis emfazi kulturan kaj amikecan valoron de Esperanto, kaj mi intence ne traktis la ekonomian valoron, sed multaj estis tre kontentaj pri la lernado de nia lingvo.

* *Cheng-de Esperanto-Asocio / CN-067000 Hebei, Cheng-de P.O. Kesto 88. tel.: (0314) 22 7350 X242*

### *4.9 Shen-Yang (aprilo, 16-18)*

En Shen-yang troviĝas 4 organizoj:

* *Liaoning Esperanto-Asocio / CN-110034, Shenyang P.O. Kesto 778,*

* *Liaoning Junulara Esperanto-Asocio / Shenyang P.O. Kesto 501*

* *Shenyang Esperanto-Asocio / Shenyang Junulara Esperanto-Asocio*

Mi havis kunsidon kun estraranoj de Liaoning Esperanto-Asocio. La asocio havas 200 membrojn en sia membrolisto. Pagitaj por tiu ĉi jaro estas malpli ol dekono laŭ la raporto de ĝenerala sekretario. La asocio ne havas regulan kunsidon kaj kurson pro manko de ejo. En Shenyang troviĝas sufiĉe multaj bonaj esperantistoj, sed nia movado ne revigliĝas. Gesinjoroj John K. Hadie Macleod, aŭstralia esperantisto nun instruas la anglan lingvon en ekonomia kolegio de la urbo, kaj ili tre deziras kontribui por nia movado. Ili iniciatis regulan kunsidon en sia salono en ĉiu dimanĉo, sed en la kunsido partoprenas nur 2-3 anoj, kiuj estis jam kutimaj renkontiĝantoj, kio pruvas, ke la manko de ejo por kunsido kaj kurso ne estas ĉefa kaŭzo de la problemo. Nun la sola kurso estas tiu de ges-roj Macleod, en kiu ĉirkaŭ 20 studentoj ĉeestas. Aliaj 3 organizoj ankaŭ preskaŭ ne funkcias.

### 4.10 Changchun (aprilo 19-27, kaj aliaj tagoj)

Chengchun estas la ĉefurbo de la provinco Jilin, kaj tial la movado en la urbo influas al la movado de ĉiuj aliaj urboj en la provinco, sed nia movado en la urbo longe dormis post la sinĵetado de estraranoj al komerco. Dum kelkaj jaroj en la urbo nenia movado okazis, sed feliĉe la prezidanto de Changchun Esperanto-Asocio, s-ro XIAO Peiliang dumtempe sukcesis registri la asocion, kio estas tre grava en Ĉinujo. Ĉar mi restis sufiĉe longan tempon en la urbo, mi provis restarigi la asocion, kaj por tio mi interkonsiliĝis kun la prezidanto kaj eks ĝ. sekretario s-ro Wei Shan. Unue ni sendis sciigon al ĉiuj malnovaj membroj pri tio, kaj ricevis realiĝon kontraŭ la pago de jara kotizo, 10 juanoj. La rezulto ne estas granda, nur dek kelkaj el 200 membroj reregistris sin. La asocio forĵetis surpaperan mambraron, sed kelkaj tre eminentaj kaj kapablaj esperantistoj eklaboris por la asocio.

En nova ĝenerala kunsido ili elektis novan estraron. Nova estraro tuj eklaboris okazigi kurson. Ĉefe nova sekretario s-ro Liu Minghui energie preparis afiŝon, algluis ilin en la tuta urbo. Unua malfacilaĵo estis kursejo, sed vicprezidanto de la asocio s-ro CAI Baogeng, profesoro de kolegio pri impostaj aferoj senpage provizis klasoĉambron de sia kolegio por Esperanto-kurso.

La kurso estis tre sukcesa. En la unua tago mi prelegis pri Esperanto antaŭ 60 novaj komencantoj, kaj nova prezidanto Xiao Peiliang ĉiutage gvidis la kurson dum pli ol unu monato. En la 29-30 de majo ni havis renkontiĝon en kiu s-ro Macleod el Shenyang kaj mi gvidis komencantojn kaj progresantojn. Ĉe la fino 48 kursanoj sukcese trapasis ekzamenon.

* *Changchuan Esperanto-Asocio / p/a generala sekretario s-ro LIU Minghui: Jilin Provinco, Chengchun, Stalin St. 116-100. tel.: (0431) 68 4582 (hejma), 68 3178 X423 (oficeja)*

* *prezidanto s-ro XIAO Peiliang: CN-130021, Chengchun, Tongguang-lu 6-4 hao, 404. tel.: 64 8631 X3445 (hejma), 773912 X326 (oficeja)*

* Krom la ĉefurbo de Jilin provinco mi vizitis kelkajn aliajn urbojn: Yan-ji, Wang-ching kaj Tonghua.

## 5. Aliaj raportoj

### 5.1 Eldoniĝis "La Poemaro de Zamenhof" en Ĉinio

En majo de 1991, Tanglu/Zhejianga Esperanto-Ligo eldonis la dulingvan legaĵon "La Poemaro de Zamenhof". Bedaŭrinde ĝi estas en formo de mimeografio pro senmono. La tradukinto estas s-ro Qiu Guanjin kaj la reviziantoj estas s-ro Zhang Ĉen, Zensto, Lu Moje. La poemaro konsistas el dek poemoj, nome La Espero, La Vojo, Al la Fratoj, Mia

Penso, Ho Mia Koro, Preĝo sub la Verda Standardo, Al la Esperantistoj, Saluto al "Verda Radio", Pluvo kaj Al "La Vagabondo". (La forgesita poemo de Zamenfoj Al "La Vagabondo" aperis en la januara numero de "esperanto", 1991.) Antaŭe en Ĉinio neniu eldonis la poemaron de Zamenhof, nek ĝian ĉinlingvan tradukon. Ĉiuj bone scias, ke Zamenhof verkis ne multajn poemojn Esperantajn, tamen oni povas kompreni lian penson, ideon, kredon ktp. el liaj poemoj. Zamenhof ne nur kreis Esperanton—- internacian helpan lingvon por la homaro, sed ankaŭ esperis fondi unu grandan harmonian familion.

Por efektivigi lian sanktan ideon, estas utile kaj necese eldoni la dulingvan legaĵon "La poemaro de Zamenhof" en ĉiuj landoj de Azio, eĉ de la tuta mondo en estonteco.

*Qiu Guanjin/ Yangzhou-xiang, Renzhicun, CN-311500, Tenglu, Zhejiang, Ĉinio*

### 5.2 Kelkaj novaĵoj el Xian, Ĉinio

-1. En marto UMEDA Yosimi (japano) kun turisma grupo vizitis Xi'an. Kaj Carey CATHERINE (usonanino) denove vizitis Xi'an por instrui la anglan lingvon en universitato..

-2 En aprilo Transnacia Renkontiĝo de SAT okazis en Xi'an. Ĝin ĉeestis 26 personoj: 8 el Japanio inkluzive E-aktivulojn TANI Hiroyuki kaj TAHIRA Masako; unu el koreio. Post renkontiĝo, pere de lokaj E-organizoj la japana grupo faris vojaĝon tra la urboj Luoyang, Zhengzou kaj Shanghai. En la sama monato Ingrid ARVEDSSON (svedino) vizitis Xi'an. La uzbeka komerca delegacio kun Esperanta interpretisto Anatoli Ionesov vizitis Xi'an.

-3 En majo korea esperantisto Na Beyng Do vizitis Xi'an, kaj loĝis en la hejmo de Wang Tianyi.

*WANG Tianyi/ Xi'an Esperanto-Asocio, Xiyinglu 74 hao, CN-710054, Xi'an, Ĉinio*

### 5.3 La 80a Kongreso de Japanaj Esperantistoj

Sub temo "Mi estas terglabano", ĝi okazis en la urbo Kameoka en la 7a kaj 8a de aŭgusto. Aliĝis 1147 esperantistoj, sed partoprenis reale 476. Inter ili estis Simo Milojevic (la ĝemerala direktoro de UEA) kaj Louis Christophe Zaleski-Zamenhof (nepo de L.L. Zamenhof) kaj aliaj 32 alilandanoj, el 14 landoj. Ĉar la kongreso estis organizita de Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto, la nombro de la aliĝintoj estis duoble pli granda ol en aliaj jaroj. En la kongreso okazis dufoje Esperanta Forumo "Kunlaboro de Esperantistoj en Azio kaj Pacifika Regiono" sub la gvido de UMEDA Joŝimi. En ambaŭ forumoj estis ĉ. 70 partoprenantoj. En la unua forumo TAKEUĈi Joŝikazu raportis pri la azia kunveno en UK, DOI Ĉieko pri la bulteno "Esperanto en Azio", Jurij Lebenzon el Vladivostoko pri la stato de la Esperanto-movado en Rusio, Lee Jun-kee pri Korea Esperanto-Asocio kaj la venontjara UK en Seulo, Tan Xiuzhu el Ĉinio pri la malfacila stato de la ĉina Esperanto-movado pro seniĝo de subvencioj al Ĉina Esperanto-Ligo kaj

ankaŭ pro reduktiĝo de leganto de "El Popola Ĉinio" en Orienta Eŭropo, kie nun regas ekonomia malfacilo. Paul Desailly el Aŭstralio raportis, ke en aŭstralio estas 500 esperantistoj, kaj ke en 1997 okazos UK en Adelajdo kaj parolis, ke Aŭstralio estas parto de Azio. Benedict Silva el Brazilo parolis pri diverseco de nacioj kaj lingvoj en la lando, Francisko DE GOUL el francio pri ĝenerala aspekto pri Esperanto-movado en Okcidenta Eŭropo (vd. p. 19), Blagovesto Toŝev el Bulgario pri rilato inter spiritista movado kaj Oomoto. En la dua tago Simo Miloevic parolis: "Ni devas kolekti nian forton kaj monon, por ke ni agu pli efike Komuna Seminario inter Korea kaj Japana Junularoj estas brila lanĉo, kaj japanoj povos kunlabori ankaŭ kun ĉinaj esperantistoj." Kaj poste estis libera diskutado, pri ĝemela agado, komputila reto, komerco kaj turismo per Esperanto, Aziaj projektoj kaj kampanjo por azia agado.

*DOJ Ĉieko, Japanio*

# 6. Alvokoj

### 6.1 Scienca servado! (Ĉinio)

**Esperanto vehiklas sciencan servadon!**

En Wuhan, urbego en Centra Ĉinio, funkcias Internacia (Esperanto) Fako sub "Antaŭen" Scienco-Teknika Disvolviĝa kaj Konsultiĝa Servo Hubei, kiun direktas s-ro PENG Jianjun, landa delegito de Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA) en Ĉinio, kunlabore kun Ĉina Sekcio de UMEA, Hubei (provinca) Esperanto-Asocio kaj Wuhan Esperanto-Asocio. La fako uzas Esperanton por servi al esperantistoj en la tuta mondo. Esperanto do faras vehiklon dum la servado. La servado precipe estas sanitara: Ni povas (1) sendi specialistojn pri tradicia ĉina medicino (ĉinmedicino) kaj pri aliaj fakoj al eksterlando; (2) fukciigi kursojn pri kuracaj metodoj de ĉinmedicino (akupunkturo, mokso, masaĝo, k.s.) kaj sanigaj gimnastikoj (Qingong k.a.), kunlabore kun ĉinmedicina altlernejo, interestatoj tuj havu kontakton kun la fako; (3) koresponde meti diagnozon kaj doni kuracan proponon far' de specialistoj pri ĉinmedicino, kaj akcepti eksterlandajn pacientojn en ĉinmedicinan hospitalon por kuraci ilin; (4) laŭ deziro aĉeti ĉinaĵojn precipe medikamentojn, kuracilojn por personoj kaj institucioj (kuracejo, apoteko kaj aliaj); (5) inviti eksterlandajn specialistojn por lekcii, labori en Ĉinio; (6) fari agenton de eksterlandaj institucioj (pri instrumentoj, kuracaĵoj kaj eldonaĵoj); (7) servi alie laŭ via speciala deziro. Se vi estas interesata, havu kontakton kun:

*s-ro PENG Jianjun, Ghezhan Xincun 440-1, Xujiapeng, Wuchang, CN-430062 WUHAN, Ĉinio.*

## 6.2 Kunlaboron! (Uzbekio)

-1 La Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro en la antikva 2500-jara Samarkando en Uzbekio serĉas partnerojn, kunlaborantojn kaj subtenantojn en la tuta mondo. La muzea kolekto nun ampleksas pli ol 15000 diversspecajn eksponaĵojn el 100 landoj pri la universalaj homaj valoroj kaj la plej vivgravaj globskalaj problemoj. Aparta muzea sekcio temas pri Esperanto kaj kolektas kaj ekspozicias ĉiuspecajn esperantaĵojn. Kontaktadreso: La Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro, P.O. Box 76, 703000 Samarkand, Respubliko Uzbekistano. Gastoj bonvenaj!

-2 Ni organizas "business"-vojaĝojn tra Uzbekio, reprezentadon, reklamadon, peradon, komercajn ekspoziciojn, koncertadon de lokaj artistoj, dancgrupoj, cirko eksterlande ktp. Nia adreso:

*Firmao "Kultura", 148 Mirzo Ulugbek Strato, 703048 Samarkand, Uzbekio. Telex 116544 SACAT SU. ESPERANTO.EeA-13*

## 6.3 La Dua mondkongreso de Esperantistoj-Handikapuloj

* loko: En banloka urbeto, Františkovy Lázně, Ĉeĥio
* tempo: 1994-07-08~15
* supozataj kotizoj: 1700 -Kĉ por anoj el ekssocialismaj landoj kaj evoluantaj landoj
* 2100 -Kĉ por aliaj (eksterlandanoj pagu surloke)
* Informojn petu de: *Asocio de Esperantistoj-Handikapuloj/ P K 63 274 01 Slany, Ĉeĥio*

## 6.4 La 15a Rusia Esperanto-kongreso

* loko: Soĉi
* tempo: 1993-11-06~09
* kotizo: 1000 rubloj
* rimarko: la kongreso okazos unuafoje en azia parto de Rusio. La organiza komitato invitas aziajn esperantistojn!
* Petu informon de: *"la 15a Rusia Esperanto-Kongreso", RUS-354000, Soĉi, a. ja. 913, Rusio*

# 7. Informoj

## 7.1 vojaĝo al Srilanko

En septembro kaj oktobro okazos kultura rondvojaĝo al Srilanko, Maldivoj kaj Singapuro. Tion planas KCE (Kultura Centro Esperantista)en La Chaux-deFonds, Svislando. Oni planas renkontiĝon kun lokaj esperantistoj. Nia informo estas tro malfrua, kaj do ni atendas la raporton.

## 7.2 eldoniĝis nova interkultura revuo

En aŭgusto '93 eldoniĝis nova interkultura revuo, "Riveroj", kiu aperos 4-foje jare en Japanio. Kontribuu viajn verkojn al la redaktoro, kiu ŝatas akcepti diversajn sed ne pri la movado.

Se vi volas aboni ĝin, sendu jare 2400 enojn (ekspedos ŝipe) al la poŝta ĝirkonto: Oosaka 0-253035 "Riveroj", aŭ al la UEA-konto: mine-v (MINE Yositaka)

Petu senpagan specimenon de la eldonanto:

*(s-ro) YOSIKAWA Syôiti, Oosaka-si, Tyûô-ku, Morinomiya-tyûô 1-9-18-403, 540 Japanio*

# 8. Deziras korespondi

-1 Dora Lina Argúlles Mayo, kiu havas filinon kun 9 jaroj/ Cristino Barreda #21, elt 31 y 37, Alturas de Buena Vista, Las Tunas, Oriente, Kubo

-2 Rfael Kabrera Espinosa, kiu eklernis la lingvon antaŭ 6 jaroj/ Poŝtkesto 188, Bajamo 1 85100, Granmo, Kubo

# 9. Opinio

## "Fortoj kaj malfortoj de Esperanto-movado en okcidenta Eŭropo"

En Okcidenta Eŭropo, Esperanto-movado suferas pro malfortoj verŝajne troveblaj ankaŭ aliloke: nesufiĉa lingva nivelo, varbado malefika pro blufo kaj tede trudaj sintenoj, ofta nescio pri nia propra Esperanto-kulturo kaj sekve nekapablo komprenigi, ke Esperanto estas ne nur "kodo", sed vera lingvo kun ĝiaj kulturo kaj eble parolo.

Tamen okcidenta Eŭropo donas al Esperatno neanstataŭigeblajn riĉaĵojn. Tie sidas ne nur UEA, la ĉefa instanco de la movado, sed ankaŭ SAT en PARIZO, Literatura Foiro, ĝia plej elstara kultura kooperativo, kaj la konstantaj renkontiĝoj de F-GRESILLON, F-BOURESSE kaj KCE en CH-LA CHAUX DE FONDS kun ĝiaj altnivelaj seminarioj. Ni ne forgesu, ke post ĝia naskiĝo en Orienta Eŭropo, la movado akiris notindan disvolviĝon en Francio ĉefe ekde la Kongreso de F-BOULOGNE en 1905.

Rilate al Azio, Okcidenta Eŭropo funkcias kiel OKCIDENTO rilate al iu azia orienta/okcidenta miksaĵo. Pri tiu miksaĵo Japanio estas tipa, kun ĝia tradicie orientaj kutimoj kaj ĝiaj teknikoj, ekonomio kaj evoluo. Do, por kompreni sin mem Azio bezonas kompreni ankaŭ la okcidentan kulturon kaj ĝiajn fortojn, tiel kontribuante al paca kaj interkompreniĝa jarcento dudekunua, en kiu la fortoj kaj konfliktoj de okcideno devas esti mildigitaj per la tradiciaj saĝo kaj serveco de oriento.

*Francisko DE GOUL/ 54, Caillots, FR-93100, Montreuil, Francio*

# 10. Historio

## 10.1 Indonezio

Kiam kaj kiel Esperanto eniris en Indonezion estas malfacile esploreble. Tamen ekzistas certaj indikoj, ke la ideon de la internacia lingvo kunportis unuopuloj el eksterlando. Oni supozas, ke ili estas nederlandanoj. Dume unu el la plej fruaj esperantistoj en Javo, Kho Yok Siang siatempe deklaris, ke li memlernis Esperanton en 1920 pere de lernolibro akirita de sia frato, kiu post studado en Japanio revenis al Indonezio.

***Plej frua mencio***

La unua mencio pri la ekzisto de esperantistoj en tiama Nederlanda Hindujo estis en la UEA-jarlibro de 1925, kiu indikis, ke UEA havis delegitojn en kelkaj urboj en Javo, Sumatro kaj Sulawesio. En la jaro 1929 fondiĝis Unuiĝo de Geesperantistoj en Nederlanda Hindujo. Ĝia gazeto "Hinda Esperantisto" estis redaktita de Liem Tjong Hie, unu el la pioniroj de esperantisto en Javo.

***1930-1940***

La tridekaj jaroj ĝis la komenco de la Pacifika Milito (Dua Mondmilito) estis la ora periodo de la historio de la Esperanto-movado en Indonezio. La movado floris. Ekestis diversaj landaj asocioj kiel Orienthinduja Centra Esperanto-Organizaĵo (OCEO), Nederlandindia Societo Esperantista, kaj La Estonto Estu Nia (LEEN). En unu tempo

OCEO registris 358 membrojn. Krome fondiĝis pluraj societoj kaj kluboj, kiel ekzemple Orienta Esperanto-Klubo en Balikpapan, Malangse Esperanto Club en Malang, Selebesa Esperanto-Asocio en Sulawesi.

En la ĉefurbo Batavia (nuna Jakarta) kaj en Malang funkciis radio-kursoj. Oni okazigis prelegojn en lernejoj kaj en nederlanda- kaj malajalingvaj gazetoj aperis skribaj kursoj. Notindaj estas la nomoj de aktivuloj en tiu tempo, interalie S.J. Ysselstein (Jakarta), K. Gorter (Cirebon), Smets, L.J. Schoutens kaj edzino ( ĉiuj el Malang), Liem Tjong Hie (Semarang), Kho Yok Siang (Lawang), Kamso Wirjosaksono (Klaten), D.M. Pot kaj S. Mamesah (Balikpapan). Ankaŭ menciinda estas la vojaĝo de esperantisto-ĵurnalisto Mustafa Raden en 1934 al kelkaj eŭropaj landoj, kie li prelegis pri Indonezio.

***La postmilita movado***

Post stagnado dum la milito kaj la sekvintaj jaroj, la Esperanto-movado ree aktiviĝis en la komenco de la kvindekaj jaroj. En 1952 sub la gvido de Ch. Sj. Datoe Toemenggoeng, konata persono en la virina movado en Jakarta, la movado komencis kreski denove. La Indonezia Esperanto-Asocio sub ŝia prezido havis en 1958 centron kaj filiojn en pli ol 10 urboj en Indonezio. Eldoniĝis la gazeto "Voĉo el Indonezio" kaj kursoj estis organizitaj de IEA kaj ĝiaj filioj. En 1959 la unua kongreso de IEA okazis en Bandung.

## *10.2 Vjetnamio*

La lando havas pli ol 60-jaran historion de la Esperanto-movado.

***1932-1956***

La unua periodo estis tiu de enkonduko de Esperanto en nian landon (tiam superregitan de la franca koloniismo) fare de la francaj progresemaj laboristo-esperantistoj, notinde Lucien Peraire, kiu per biciklo vojaĝis tra pluraj landoj: Centra Eŭropo, Siberio, Japanio, Ĉinio, Hindoĉinio... Javo, Aŭstralio kaj Ameriko.

Lia propagando de Esperanto longe favoris por niaj studentaro kaj intelektularo, kies sukcesoj konserviĝis en la memoro de l' veteranoj kiel unuaj fruktoj de Zamenhofa "nova sento", kun viglaj bildoj de Esperanto-kursoj, de unuaj Esperanto-societoj en Tonkino kaj en Koĉinĉino, kun la fervoraj esperantistoj ĉiam pionire figurantaj por la Esperanto-movado. Ili estis Nguyen Van Kinh, Nguyen Cong Mon, Nu Do, Nguyen Nhan, Huynh Ba Duong, Ho Xanh - Nguyen Thuong Cat, kaj aliaj...

Restas por ni ĝis nun, verŝajne la unua lernolibro de Esperanto de Huynh Ba Duong, presita en 1932, kaj ambaŭ poemoj kaj "La Espero" kaj "La Vojo" de L.L. Zamenhof estis tradukitaj samjare en la vjetnaman de la poeto Ho Xanh - Nguyen Thuong Cat.

Tiuj aktivecoj efemeraj estis nur en kelkaj jaroj pro la malhelpoj de la francaj koloniistoj. La Esperanto-movado denove vigliĝis de 1936 ĝis 1939, kaj poste silentis antaŭ la minaco de la dua mondmilito. Tamen tiam Esperanto ja fariĝis ilo por la esperantistoj-revoluciuloj en la lukto por la nacia sendependeco kaj libereco.

Oni scias, ke Esperanto estis propagandita kaj instruita eĉ en rezistadaj bazoj, en la makisoj fare de tiuj eminentaj esperantistoj-revoluciuloj: Nguyen Van Kinh kaj aliaj, kiuj formis novajn verdulojn, kiuj poste grupiĝis en Hanojo por la fondiĝo de "Vjetnama Pacdefendda Esperantista Asocio", kies ĉeffondinto estis Nguyen Van Kinh mem. La 9a de decembro 1956, la naskotago de VPEA, estas ankaŭ la tago de la dua periodo de l' vjetnama Esperanto-movado.

***1956-1965***

La dua periodo estas la unua etapo de VPEA, kiu sukcesis je amas-movado en diversaj kampoj: propagando, instruado, aperigi lernolibrojn, vortarojn, librojn, gazetojn, informilojn kaj rapide longigi la listojn de VPEA-anoj ĝis pli ol 2000, kiuj kapable kaj entuziasme korespondis kun eksterlandaj Esperanto-organizaĵoj kaj personoj, precipe kun tiuj de Mondpaca Esperantista Movado (MEM). La periodo estas la plej brila en la pasintaj jaroj de l' vjetnama Esperanto-movado. Ĝi bazis sin sur la tri historie favoraj faktoroj: oportuna tempo, favora grundo kaj homa akordiĝo. Efektive la Esperanto-movado en Vjetnamio revigliĝis en la paca etoso plena de ĝojo kaj entuziasmo de la duonlando liberigita kaj komencanta por la rekonstruado, por la luktado de l' landa reunuiĝo. Esperanto trovis sian pozicion pere de sia oficiala organizaĵo efike kontribuante al la sankta devo de civitanoj-esperantistoj por sia patrujo. Tial la ŝtata subvencio por la Esperanto-aktivecoj estis sufiĉe granda kaj kuraĝiga. Stabiliĝis du kernaj oficejoj labori per kaj por Esperanto: VPEA kun tri salajritaj personoj kaj dupersona Esperanto-fako tradukista en la Hanoja Fremdlingva Eldonejo (Nun, la Monda Eldonejo), kies sinsekvaj produktaĵoj mondekonataj montras ĝian senlacan eldonadon de multlingvaj libroj inkluzive 100 Esperantajn librojn.

Ĉio ĉi tio dependis de la homa faktoro: diplomato kaj publicisto Nguyen Van Kinh, organizanto kaj instruisto Nguyen Cong Mon, poetoj kaj verkistoj Dao Anh Kha, Nguyen Hai Trung, instruistoj kaj ĉefaj tradukistoj Nguyen Minh Kinh, Nguyen Minh Tung, gravaj apogantoj Nguyen Duc Quy, Dao Duy ky... kaj multaj sindonemaj kunlaborantoj...

***1965-1975***

La tria periodo estis plena de fajro kaj fumo.

Pro la usona militeskalado, la Esperanto-aktivecoj nature devis suferi en sia malmultiĝo kaj koncentris en la daŭriga eldonado de Esperanto-libroj diversspecaj, informado el Vjetnamio, revuo "Paco" kaj specialaj informiloj, kun celo informi al

eksterlandaj Esperanto-organizaĵoj, personoj kaj geamikoj pri tiu fifama agresmilito, per kiuj ni gajnis la simpation kaj subtenon spirite kaj materiale al la apero de "Vjetnamio" flanke de l' tutmondaj progresemaj esperantistoj. Ĉi tie mi mencias nur la gravajn kaj efikajn subtenojn fare de la sekretario de MEM kaj pli ol 30 sekcioj de MEM, kies iama prezidanto, Nikola Aleksiev honore ricevis nian ŝtatan "Amikecan Ordenon".

*1975-1979*

Ĝi estas la periodo post la longa milito. La tutlandan ĝojon pro la glora venko, sekvis multoblaj okupoj por la rekonstruado de la tuta lando. Dume pro diversaj kialoj la Esperanto-aktivecoj iompostiome malmultiĝis parte de novaj malfacilaĵoj, parte de laciĝa stato je maljunaj kompetentuloj. Tamen, la nova suda tereno ĵus liberigita, precipe la urbo Ho Chi Minh, fariĝis favora grundo por semantoj de Zamenhofa sento.

*1979-ĝis nun*

Esperanto-movado iom post iom revigliĝis, aparte en Hanojo, urbo Ho Chi Minh, Can Tho, Hue, Nha Trang... Refunkcias kaj ekfunkcias pluraj Esperanto-kluboj kaj kursoj elementaj kaj duagradaj. La fondiĝo de Esperanto-Asocio en la urbo Ho Chi Minh kaj la aperigo de la ilustrita gazeto "Vjetnamio" estas gravaj eventoj de l' vjetnama Esperanto-movado.

Pasintajn jarojn, malgraŭ plenaj de malfacilaĵoj, nia movado estas vivanta per siaj modestaj agadoj. Povas mencii ĉi tie kelkajn: Nguyen Dinh Hien, Vu Can, Bui Hanh Can, Le Tuyet Thanh, Le Nhiem, Hong Hae, Nguyen Van Chinh, Vu Thanh Huong, Nguyen Nhu Thu ktp. Aparte Nguyen Minh Kinh, veterana tradukisto, ankoraŭ prenas sur sin la taskon de tradukado por la revuo "Vjetnamio".

*Dang Dinh Dam, konstanta sekretario de VPEA/ 3 cao Dat, Hanoi, Vjetnamio*

# 11. Leteroj de legantoj

*11.1 el Indonezio (1993-08-16)*

Mi tre ĝojas, ĉar mi povas sendi ĉi tiun leteron al vi. Mi sendas ĉi tiun skribmaterialon, kiu iam aperis en indonezia tagĵurnalo, sed kiu neniam aperis internacilingve. Mi esperas, ke ĉiu tio aperos en "Esperanto en Azio".

Mi jam ricevis "EeA" de la 5a numero ĝis la 12a. Malkaŝe mi sentas min ĵaluzeta, ĉar en n-ro 12 de"EeA" ne estas artikolo pri Indonezio (sub la titolo E-movado en Sudorienta Azio), kvankam mi efektive skribis en indoneziaj tagĵurnaloj/magazinoj.

Multan koran dankon por via atento kaj bonvolego.

*(s-ro) Hadi Djuritno/ Esperanto-Centro, YPSM Swadeshi, Jl. Nglajo Lr. 5-11, Cepu-Centra Javo 58312, Indonezio*

(red.: s-ro Hadi Djuritno sendis al ni Esperantan tradukon de sia artikolo en la tagĵurnalo, "Suara Merdeka", 1992-08-14. Jen la resumo: Kelkajn monatojn antaŭe prof. d-ro Sutan Takdir Alisyahbana, eksperto pri la indonezia lingvo, publikigis siajn artikolojn en tagĵurnaloj sub la titolo "la pozicio de la lingvo en la kulturo", kaj "La indonezia lingvo, la angla lingvo kaj la loka lingvo". La enhavoj estas samaj. En ili li skribis, ke la penoj por krei artefaritan lingvon kiel Esperanton estas malsukcesaj, ĉar ĝi ne havas propran kulturon... S-ro Djuritno refutas lian argumenton, skribinte pri UEA kaj UK, pri disvastiĝo de Esperanto kaj aliaj.)

***11.2 el Indonezio (1993-08-31)***

Mi dankas vin pro la regula sendaĵo de la bulteno "Esperanto en Azio". Estas malbonmaniere de mi ke mi ne informis vin pli frue. Mi petas multan pardonon.
Pro cirkonstancoj malbonaj mi tute perdis mian intereson pri la lingvo dum la lastaj jaroj. Mi ĉesigis mian korespondadon kun samideanoj kaj eĉ ne plu tuŝis Esperantajn tekstojn, inkluzive vian revuon.

Estis nur en la antaŭa semajno, kiam mi malsaniĝis, ke mi prenis la 12an numeron de "Esperanto en Azio" kaj trafoliumis. Mi trovis tie la nomon de unu el miaj korespondamikoj, s-ro Goh ka Bin: Estas anoncite ke li forpasis en 1977(?). Ne mirige ke li ne respondis al miaj leteroj depost la 26a de decembro 1979a. En tiu dato mi ricevis lian kristnasko-karton el Singapuro en kiu urbo li tiam loĝis.

En 1976 s-ro Goh estis verkanta Esperantan lernolibron por malajzianoj. Li bezonis Esperantan lernolibron en la indonezia. Hazarde mi povis akiri lernolibron en la indonezia kaj sendis ĝin al li. Kiel vi eble scias, la malaja kaj la indonezia estas (iel) samaj.

Kio interesas min plue en via artikolo estas la mencio pri la verko de s-ro Goh de malaja-Esperanta vortaro. Kiam mia intereso pri Esperanto kuliminis antaŭ jaroj mi klopodis kompili Esperanto-Indonezian vortaron.

En 1990 s-ro Joachim Werdin faris instru-vojaĝon en sudorienta Azio. Li informis min ke li ankaŭ vizitos nian landon. Mi sciigis lin pri mia klopodado kaj s-ro Werdin estis preta tralegi mian klopodadon kiam li venos al nia urbo. Sed ial li ne povis eniri Indonezion.

Mia klopodado restas nun netuŝita en la breto. Eble ĝi havus la saman sorton kiel tiu de s-ro Goh.

*Jo Ek Gwan/ Jalan Tenis Meja 36, Arcamanik, Bandung 40293, Indonezio*

***11.3 el Ĉinio (1993-05)***

Ekde oktobro en 1991, kiam prof. So Gilsu sendis s-ron Reza vojaĝi al nia urbo

Zhongshan por disvastigi Esperanton, ĉiam ni ricevis multajn Esperanto-librojn kaj leterojn senditajn de E-asocioj kaj personoj el diversaj landoj en la mondo. Por tio ni elkore dankas al ili, kaj esperas, ke ili multe kontaktiĝos kun ni kaj helpos al ni. Ili estas: 1. Universala Esperanto-Asocio, 2. Universala Medicina Esperanto-Asocio, 3. Internacia Esperanto-Instituto, 4. Esperanto Centrum Nederland, 5. Movado Sen Nomo, 6. Flandra Esperanto-Ligo, 7. DOJ Ĉieko (Japanio), 8. SAIONJI Masayuki (Japanio), 9. Theo J Uan Woerden (Nederlando), 10. Margaret Warr (Aŭstralio), 11. Ireneusz Bobrzak (Pollando), 12. Jose Luis Montes de Oca (Kubo), 13. J. Tilman Williams (Usono), 14. Michai K. Jones (Usono)

*(s-ro) Li Zhongping/ Room 103#, building No. 8, Xianhubian street, No. 10, Zhongshan, CN-528402, Ĉinio*

*11.4 el Vjetnamio (1993-08-12)*

Ni preparas sendi al Ĉinio, komence de oktobro 1993, unu el niaj esperantistoj por lerni la japananmetodon de d-ro Saionji Masayuki "Orienta Speciala Diina Masaĝo". Male, nia estro de Asocio invitas d-ron Saioniji alveni al Hanojo por disvastigi sian metodon. Ni esperu ke la kontaktoj inter Hanojo kaj Japanio senĉese kreskos.

*(s-ro) Nguyêñ Ván Diên/ 6 Vong Du'c', Hánôi, Vjetnamio*

*11.5 el Uzbekio (1993-05-31)*

Ĵus kun ĝojo ni ricevis la unuan ĉi-jaran numeron de "Esperanto en Azio", kiun ni tralegis kun granda intereso. Tio estas nia unua konatiĝo kun via bulteno kaj laŭ nia prijuĝo, ĝi estas vere informriĉa periodaĵo, kiu rolas kiel bona kaj utila informilo, interligilo kaj koordinilo de Esperanto-movado en Azio. Koran dankon! Ni tre ĝojus, se vi povus meti la adreson de nia muzeo sur la eksped-liston de "Esperanto en Azio".

Ĉi-kunas informanoncoj, kiujn ni petus vin aperigi laŭeble en via bulteno: (vd. p. xx)

*(s-ro) Anatoli Ionesov/ Internacia Muzeo de Paco kaj Solidareo, P.O. Kesto 76, 703000 Samarkand, Uzbekio*

*11.6 el Ĉinio (1993-05-17)*

Mi eksterordinare ĝojas, kiam mi ricevis la bultenon n-ro 11, kiu estas farita sub la penado de vi redaktantoj kaj prof. d-ro So Gilsu kaj aliaj. Bone, tre bone, - preskaŭ en unu spiro mi tralegis ĝin. Kiel lerno-materilalo kaj ligilo ĝi estas tre utila por ni lokaj esperantistoj. El ĉi numero mi sciis multe pri la stato pri nia movado.

En aprilo ĉi-jare esperantisto Jo-Sep (Na Beyng do ) el Koreio vizitis nin. La parolado inter ni okazis tute Esperante. Dum lia restado de la 19a ĝis la 24a en nia urbo Zaozhuang, kiel gaston de nia asocio niaj urbregistaranoj akceptis lin. Poste s-ro Jo-sep vizitis niajn E-medicinan Instituton, Disvolvigan Kompanion kun verda stelo en Scienco

kaj Tekniko kaj du eksperimentajn kursojn de Esperanto. Akompaninte lin ni ekskursis faman monton en Shandong provinco "Baodu", kiu situas nordoriente en nia urbo. Tre agrable.

Lia alveno ja donis al niaj asocianoj bonan okazon por praktiko paroli Esperante. Samtempe tio igis multajn komencantojn pli diligente lerni Esperanton.

*(s-ro) Dong Shulin/ Shan dong, Zaozhuang, Zaozhuang Mei Kuang, Cai mei Wu qu, CN-277132, Ĉinio*

*11.7 el Ĉinio (1993-05-18)*

Kun granda ĝojo mi povas aliĝi al UEA kaj jam ricevas bultenon "EeA" kaj ankaŭ revuojn "esperanto" senditajn de UEA.

La bulteno kaj la revuoj "esperanto" ja helpas min en mia lernado kaj uzado kaj propagando de Esperanto, ĉar pro ekonomiaj kondiĉoj mi ne povis ofte aboni Esperantajn revuojn aŭ kompreni nian movadon en- kaj ekster Azio. Mi nun rigardas viajn sendaĵojn kiel miajn manĝaĵojn spiritajn.

*Jan Jinglun/ Shandong Province, Tancheng country, Chong Fang Middle School, CN-276129, Ĉinio*

# 12.Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 12, ĝis la 23a de septembro 1993 jenaj 54 japanaj kaj unu franca esperantistoj kontribuis por la azia movado sume 74 stelojn: AIKAŬA Secuko, AOJAMA Tooru, Francisko DEGOUL, DOJ Hirokaz, EGAŬA Harukuni, GOTOO Hitoŝi, HAJAKAŬA Joŝinori, HARADA Misako, HIROSE Kanae, HORI Jasuo, HUKAHORI Joŝihumi, IŜIDA Kan'ja, IŜIKAŬA Takeŝi, JAMAMOTO Ŝintaroo, JANO Keiko, KATOO Iŭao, KATOO Keiko, KAŬAHITO Humiko, KIDO Husacugu, KIMURA Kimiharu, KOBAJAŜI Kajoko, KODAMA Hiroo, KOGA Ŝiroo, KONIŜI Gaku, KUMAKI Hideo, KUROJANAGI Humiko, MACUŜITA Rihaĉi, MACUDA Hisako, MICUKAŬA Sumiko, MIJAMOTO Joŝito, MISAŬA Joŝiroo, MORI Ŝingo, NAKAMIĈI Tamihiro, NAKAJAMA Kazuhisa, NAKAMURA Isao, NIŜIMURA Mijoko, NIŜIO Cutomu, NIŜIKAŬA Tojozoo, NIŬA Masahisa, ONDA Hiromasa, OOUĈI Kikue, SAITOO Cume, SAKAMOTO Jumijo, SANPEI Keiko, SASANUMA Kazuhiro, SEGAŬA Joŝiko, ŜIBAJAMA Ĵun'iĉi, ŜOOĴI Keiko,TAHIRA Masako, TAKAHAŜI Hiroŝi, TAKAHAŜI Miho, TAKEUĈI Tomiko, UEDA Tomohiko, UENO Kacuhiro, ŬATANABE Jasuko.

## 13. *Adresaro de ĉinaj organizoj*

Anhui-a Esperanta Asocio / s-ro Ling Bo, CN-230001 Hefeishi Wenghuaju

Beijing-a Esperanta Asocio / CN-100034, Beijing, Guan-yuan 2-7-201

Bengbu-a Esperanto-Asocio / Sengli Lu 79, CN- Bengbu

Chengdu-a Esperanto-Asocio / P.O. Kesto 87, CN- Chengdu-Sichuan

Chongqing-a Esperanto-Asocio / P.O. Kesto 497, CN- Chongqing-Sichuan

El Popola Ĉinio / P.O. Kesto 77, CN- Beijing

Esperanta Sekcio de Internacia Libro-Komerca Kompanio de Ĉinio / (Guoji Shudian) P.O. Kesto 313, Beijing

Fujian Esperanto-Asocio / Yang Qiao Lu 62, CN- Fuzhou - Fujian

Gansu-a Esperanta Asocio / s-ro Lu Wanyi, CN-730060 Lanzhoushi, Lanhua 302 Chang Jiliangzhan

Guangdong Esperanto-Asocio / CN-510050 Guangzhoushi Huanshi-Zhonglu Xiaobei Xiatang Xishengjie Guangzhoushi Keji Xiehui

Guangxi Esperanto-Asocio / s-ro Wei Xiaohong, CN-530001, Lanlingshi Shangye Jigong Xuexiao

Guangzhou Esperanto-Asocio / p/a s-ro Ren Bosheng, Nong Lin Shang Lu 15, Dong Shan , CN- Guangzhou

Guizhou-a Esperanta Asocio / s-ro Long Zhiguang, CN-558000, Qiannan Buyizu Miaozu Zizhizhou Mingzu Shiwu Weiyuanhui

Hangzhou-a Esperanto-Asocio / p/a s-ro Chen Xingliang, P.O. Box 550, CN- Hangzhou-Zhejiang

Hebei-a Esperanta Asocio / CN-050081, Shijiazhuangshi Youyi Nandajie 22 Hao

Heilongjiang Esperanto-Asocio / p/a s-ro Yang Ren, Haerbinshi, Haerbin Gongye Daxue Guoji Hezuo Bangongshi

Henan Esperanto-Asocio / p/a s-ro Zhang Wenxiang, Gaoshepaobing Xuexiao Fenyishi, CN- Zhengzhou - Henan

Hubei Esperanto-Asocio / p/a s-ro Peng Zhengming, CN-430060 Wuhan, Wuchang Fujiabo Changjiangribao Hongshan Faxingzhan

Hunan Esperanto-Asocio / CN-410011, Chanshashi Hunan Tushuguan Caibianbu

Inter-Mongolia Esperanto-Asocio / p/a s-ro Li Sen, Huhehaote Tie Lu Ju, CN- Huhehaote-Neimenggu

Jiangsu Esperanto-Asocio / p/a s-ro Song Shengtan, Hua Lu Bei Gang 21 (43 Zhong), CN-210006, Nanjing - Jiangsu

Jiangxi-a Esperanto-Asocio / p/a s-ino Gu Jianhua, CN-330006, Nanchangshi Bayi Dadao 141 Hao Zhongyi Xueyuan Waiyu Jiaoyanshi

Jilin Esperanto-Instituto / CN-130000 Changchushi Bei' anlu-Xiaoxue

Jingchuana Esperanto-Asocio / p/a Hu Guopeng, Jingchuan Xian caizhen Ju, CN-744300, Gansu

Ĉina Esperanta Eldonejo / CN-100037, Beijing Fuwai Baiwanzhuanlu 24 Hao

Ĉina Esperanto-Ligo / P.O. Kesto 825, CN-100037 Beijin (Pekino)

Ĉingdao Esperanto-Asocio / Tapinglu 37, A, CN-266001, Qingdao

Lasa Esperanta Klubo / s-ro Ye Yushun,

CN-850000 Lasa Xizang Jiyou Xiehui

Liaoning Esperanto-Asocio / P.O. Kesto 778, CN-110034, Shenyang

Liuzhi Esperanto-Asocio / p/a s-ro Zhang Xianyu, Liuzhi Di San Zhong Xue, CN-Liuzhi - Guizhou

Nanjing-a Esperanto-Asocio / ĉe Song Shengtan, Hua Lu Bei Gang 21 (43 zhong), CN-210006, Nanjing

Neimenggu-zizhiqu-a Esperanta Asocio / CN-010057 Huhehaoteshi Xilin Beilu Huhehaote Tieluju

Ningbo Esperanto-Asocio / p/a s-ro Bao Shujun, Jiangdong Ningbo Zaoqichang, CN- Ningbo-Zhejiang

Ningxia-huizu-zizhiqu-a Esperanta Asocio / CN-750001 Yinchuanshi Fenghuang Beilu 29 Hao Ningxiaqu Kexie

Qinghai-a Esperanta Asocio / s-ro Jia Wengde, CN-810000 Xining Yinmajiekou Yuanxinglou Qinghaisheng Cangjiren Lianhehui

Ĉina Radio Internacia, Esperanto-Sekcio / CN100866- Beijing, Fuxingmenwai St.2

Scienc-teknika Esperantista Asocio de Ĉina Akademio / CN-100864, Beijing Sanlihe Zhongguo Kexueyuan Yilou 73 Hao

Shandong-a Esperanta Asocio / s-ro Huang Zecun, CN-250001, Jinanshi Weiyilu 482 Hao

Shanghai-a Esperanta Asocio / CN-200020, Shanghai Huaihai Zhonglu 622 Long 7 Hao Shelian Waishichu

Shanxi-a Esperanto-Asocio / CN-710061, Xi'anshi, Xi'an Waiguoyu Xueyuan Jiaoyuchu

Sichuan-a Esperanta Asocio / s-ro Nin Shouren, CN-610072, Chengdushi Guanghuacun Shengwei Dangxiao Malie Yanjiushi

Suzhou Esperanto-Ligo / p/a Suzhou Tushuguan, CN- Suzhou - Jiangsu

Tangshan Esperanto-Asocio / Shi-jie-yu Xie-hui, Disan-hao xin-xiang, CN- Tang-shan, Hebei prov.

Tianjing-a Esperanta Asocio / CN-300020 Tianjingshi 207 Xinxiang

Wuxi Esperanto-Asocio / p/a s-ro Sun Guohui, Qing Yang Xin Cun 28-68-203, CN- Wuxi - Jiangsu

Xi'an Esperanto-Asocio / Shishelian, Xiyinglu 74 hao, CN- Xi'an - Shaanxi

Xingjiang-a Esperanta Asocio / CN-830011 Xingjiang Wulumuqishi Tianjin Beilu 2 Hao

Yunnan-a Esperanta Asocio / s-ro Duan Yongxing, CN-650032, Kunming Xiba 50 Hao Xinxiang

**•*Parolas la redaktantoj:*** En ĉi tiu numero ni metis adresaron de ĉinaj Esperanto-organizoj. Ni rimarkas, ke la adresoj kaj tiuj en la raporto de SO Gilsu estas malsamaj. Ni ne scias, kiu el ili estas ĝusta. Ni petas vin kontroli, ĉu la adreso sur via koverto estas ĝusta kaj kompleta. Se ne, informu nin pri tio. Ankaŭ en sekvaj numeroj ni laŭeble aperigos adresojn de organzioj en Azio, se estos spaco. Bonan sanon kaj aktivan agadon en via loko! (red.)